AE227

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 23/07/2015 Ducent dudeksepa eldono 23/07/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**



**SENDATA AL 304** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj" atingeblas je la suba adreso**

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Memoru ke ĝi celas esti propaganda libreto ne instru-libreto. http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

★★★★★

# 80. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## La Refleksivo per "si". C.

Se la ago esprimiĝas en simpla verbo, kaj la subjekto staras kiel normale tuj antaŭ la verbo, oni tuj vidas, al kio la refleksiva pronomo "apartenas" . Sed ĉar la refleksiva pronomo referencas tra la verbo, la ago, (t.e. kiel komplemento de la ago) al ties subjekto, kaj ĉar la ago povas aperi en diversaj lokoj kaj en diversaj formoj, nome en infinitivo aŭ en substantivo aŭ en adjektivo aŭ en adverbo, okazas situacioj, en kiuj ne ĉiam facilas scii, al kiu subjekto "si" kaj "sin" kaj "sia" referencas, do ĉu uzi ĝin aŭ ne.

Pro tiu kelkfoja malfacileco, kelkaj instruistoj (kaj eĉ kelkaj Esperanto-lingvistoj) konsilas tiam ne uzi refleksivan pronomon sed aliformigi la frazon. Ekz. "Ili forte laboris por sin/ilin riĉigantaj mastroj" > "Ili forte laboris por la mastroj, kiuj riĉigis sin/ilin". Sed tio ne solvas la problemon, se oni legas aliies tekston, kiu povas esti pli komplika ol mia ekzemplo.

Daŭrigota. Marcel Leereveld.



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj.

Sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;
Tri vizitantoj el Koreo de la 3a ĝis 6a de aŭgusto. Vidu AE 222 por detaloj. Ĉu vi povus helpi ilin?

# Novaĵo sendita de Aŭstraliaj vojaĝantoj al la lilla Universala Kongreso 2015.




★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Mi bone alvenis en Lillo. Hodiaŭ 17/7 mi promenis tra la centro de Lillo kaj vidis plurajn reklamafiŝojn pri Esperanto. Amike, Nicole

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Sube bildoj pri la nuna Somera Esperanto Studado en Martin (Slovakio)

sendis Sandor Horvath



*Sandor, Grazina (Litovio), Ted(Skotlando) kaj Helen en la kata kafejo en Martin*




En la Tatra Montaro



Helen prelegas pri sia mediogardista laboro.



Trevor Steele respondas Skype al demandoj de kelkaj partoprenantoj. Trevor atendis ĝis meznokte. Refoje, multajn dankojn Trevor.



Helen kaj Sandor fanfanoras pri siaj novaj bicikloj. Ankaŭ *Teofilo kaj Cornelio el Orienta Timoro partoprenis la eventon.*



*la interracia mangaĵfestivalo*

★★★★★




Hodiaŭ, 19/7/15, en la urbodomo de Ostendo (Belgio) mi salutis en la ILEI konferenco nome de la aŭstraliaj esperantistoj. Amike, Nicole

★★★★★

La afero, en Martin, finiĝos morgaŭ, 20/7, je tagmanĝo. Poste mi iros per trajno al Prago.
Amike, Gerry.

★★★★★

Nun mi trajne vojaĝas el Martin ( la loko de la kurso ). Mi vojaĝas al Prago kie mi turistos dum kvin tagoj. La vetero ĉi tie estas tre varma, 35 gradoj. La klimatizilo en la trajno estas malfunkciiganta kiam la trajno atendas iomete dum la vojo. Do bone! Funkcias nun. Morgaŭ mi ekskursos en la urbon Prago. Iu Praga kursano invitis min al restoracio morgaŭ vespere. La sperto de la kurso estis bonega. Mi lernis multon. Amike, Gerry.

★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas ĉiun trian Sabaton 18-an de Julio 10:00-12:00

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

18/7/15 Venis Roger, Eunice, Ian and John. Chris iris al Lillo. Bona nekrokodila kunveno

## Ĉi tiuj Semajnfinaj Esperantaj Kunvenoj ANZ-Esp-Kluboj

Elsendata ĉiun vendredan vesperon.

**Nova ero** ★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Se vi reklamus vian venontan kunvenon ĉi tie, eble venus vizitantoj.

http://editoralorenz.blogspot.com.br/


KOMUNIKOJ
TRIMONATA BULTENO DE SPIRITISMA ELDONA ASOCIO F. V. LORENZ
Jaro 39-a BRAZI LO, APRI LO-MAJO-JUNIO 2015 N-ro 158

"Amu vian Dion per via tuta koro kaj per via tuta animo kaj per via tuta menso kaj vian proksimulon kiel vin mem." JESUO (*Mt*, 22:37-40).

"Neskuebla fido estas nur tiu, kiu povas rekte rigardi la racion en ĉiuj aĝoj de la homaro." KARDEC. *La Evangelio laŭ Spiritismo.* Ĉap. 19, §7.

"Sur neŭtrala lingva fundamento, komprenante unu la alian, la popoloj faros en konsento unu grandan rondon familian." ZAMENHOF. *La Espero.*




Intertempe jam estas pli ol 66,500 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/

Pardonu la anglan, sed por Esperanto konkeru la kritikantojn, ĉiuj DEVAS uzi la specialajn literojn

# Windows Keyboards (control/click the blue area)

Free & simple keyboard utilities compatible with Windows XP and Vista including the **Esperanto Keyboard.**




The best Esperanto Keyboard which is very easy to install is called “English (Caribbien)”. It has all the Esperanto letters ĉĈ, ŝŜ, ŭŬ, ĝĜ, ĥĤ, ĵĴ . Replacing the letters, which are not needed in Esperanto like q,w,y,x,[,]. Q iĝas Ŝ, W iĝas Ŭ, Y iĝas Ĵ, [ iĝas Ĝ, ] iĝas Ĥ, X, iĝas Ĉ.
https://sites.google.com/site/windowskeyboards/
When clicking on the https zip above, you see a number of keyboards. Click on: “Esperanto (Download esperanto zip) and then on “open”.
Then you will get a folder called “Esperan”. Click on it, and then double click on “Esperanto Keyboard installation.pdf”, and double click on “setup.exe”. This is a Microsoft executable file that will install the keyboard onto windows.
Once installed, you should see the Language Bar on the Taskbar called “EN English (Caribbien)”, which is the Esperanto Keyboard.
**Doug Eising.** Plusendita de Erhard.

# Feliĉan ESPERANTO TAGO 26 Julio 2015

